22a Jaro - No 1 (227) Jara Kotiz-Abono Fr. 30,— Januaro 1936

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Fondita en 1908a

DIREKTORO
Maur. JAUMOTTE
44, Avenue De Bruyn
Wilryck-Antverpeno

Oficiala Organo de
REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Poŝtĉeko : No 1387.67 (Wilryck) Por anoncoj : H. PÉTIAU, Gento

Jarfina Bilanco

## Ni ne plendu, nek ĝoju, sed laboru

Mi jam parolis al vi, en mia lasta artikolo, pri la kunveno de la Liga Komitato, pri kiu vi, en tiu ĉi numero, legos protokolon.

Vi memoras tre certe la rolulon el la teatrajo de Molière, kiu ĉiam devis demandi al sia Mastro, ĉu tiu ĉi alparolis la ĉambriston aŭ la veturigiston, ĉar li efektive plenumis ambaŭ oficojn.

Dum la kunveno en Bruselo, mi malfeliĉulo, ankaŭ devis fari al mi similan demandon : Ĉu mi eldiros mian opinion, kiel direktoro de « Belga Esperantisto » aŭ kiel Liga Kasisto.

Vi komprenos efektive tre facile, ke miaj opinioj povas, ni diru devas, ofte esti malsimilaj, laŭ la angulo el kiu mi rigardas la aferon pritemitan. Mi povus eĉ diri ke, plej ofte, miaj opinioj devas esti kontraŭaj, ĉar tio, kion mi dezirus por la bono de nia organo kaj de nia grupa vivo, estas mortiga por la Liga Kaso.

Kaj oni devus esti, — malbonaj langoj dirus ĵurnalisto —, mi diras ekvilibristo por tiel elblovi daŭre la varmon kaj la malvarmon, kun ĉiama serena mieno.

Sed ĉefartikolo en Januara numero de sinrespektema organo devas esti nepre serioza, ĉu ne, Kara Leganto, kaj informi vin pri la vera situacio. Permesu do, ke la direktoro skizu la situacion de la kaso, sen la ciferoj, kiujn devus meti, antaŭ viajn okulojn, la kasisto !

De 1930, kiam la krizo ekestis, la bilancoj regule iĝis iomete aŭ eĉ iome deficitaj.

Ĉar la Ligo ne estas ŝpar-, sed propaganda societo, ĉiuj unuanime opiniis, ke niaj rezervoj povis esti uzataj kaj ke ne estis nepre necese, ke la du bilancpartoj ekzakte ekvilibriĝus.

Tamen, nun la tempo alvenis, ke, se ni dum proksima jaro ankoraŭ ĉerpas sumon egalan al tiu, kiun bezonigis la jaro 1935, tiam la rezervo estos tute for, kaj en 1937, ni, vole-ne-vole, devos, ni diru detrui tiam la tiel malfacile konstruitan ligilon, kiu nun regule ĉiumonate vizitas vin.

En Bruselo, la delegitoj de la grupoj venis kaj forte kontraŭbatalis proponon kasistan, duonigi la nombron de la numeroj dum sekvanta jaro, kaj alportis, — tio estas ĝojiga fakto —, ankaŭ la rimedojn por subteni almenaŭ parte sian kontraŭstaron. La sekvo estis, ke la kasisto estis venkita, je la granda ĝojo de la Direktoro.

Sed reveninte hejmen la kasisto kalkulis, kaj li nun instigas la redaktoron de tiu ĉi artikolo, insisti pri la fakto, ke la Komitata Kunsido nur trovis la solvon por savi la ŝipon, *dum parto de la jaro !*

Sed, nun la delegitoj de la grupoj bezonas ankaŭ la helpon de ĉiuj, kiuj staras ĉirkaŭ ili. Ni insistas pri tiu vorto *ĉiuj*. Ne sufiĉas efektive, ke faru sian devon la gvidantoj. Ili estas tro malmultnombraj por efektivigi tiun gigantan savadon.

Tiu ĉi nur povas okazi, se ĉiuj alportas plankon por konstrui la flosilon, kiu permesos savi niajn financojn, konservante tamen nian organon.

Tiuj plankoj povas esti : donacoj, ĉu sub la vera donaca formo, ĉu sub la formo de subtena membreco. Sed ni preferas, ke anstataŭ ĉiam eltiri monon el la samaj poŝoj, tiuj, kiuj kapablas, alvenigu al ni, ĉu ordinarajn membrojn, ĉu apogantajn aŭ simpatiantajn membrojn, kiuj pagos iom al nia movado. Dum neniu forgesos komprenele varbi anoncojn, kiuj estas la plej bona rimedo por vivigi kiun ajn ĵurnalon.

Estas en la malbonaj cirkonstancoj ke oni ekkonas siajn amikojn. Estas en la nunaj, ke ESPERANTO ekkonos siajn verajn pionirojn.

Maur. JAUMOTTE.

BELGA LIGO ESPERANTISTA
kaj ĝia organo
« BELGA ESPERANTISTO »
*prezentas siajn plej korajn bondezirojn por la nova jaro.*

# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## Kunveno de la Liga Komitata

**Bruselo la 1an de Decembro 1935.**

La kunsido malfermiĝis je la 10 1/2a.

Prezidis Dro Kempeneers.

Ĉeestis : Sro Jaumotte, Konstanta Komitatano (Antverpeno). Fino Thooris, Sro Poupeye (Bruĝo) ; Fino Obozinski, Dro Kempeneers (Bruselo) ; S-roj Vandevelde, Petiau (Gento) ; S-roj Tassin, Bonge (La Louvière) ; Sro Dechesne (Lieĝo) ; Sro Cogen (Ninove) kaj Fino Jennen, prezidantino de la Ekzamena Juĝantaro.

*Senkulpigitaj* : Sino Elworthy, S-roj. Van der Biest, Van Schoor, Konstantaj gekomitatanoj. Sro De Ketelaere, Ĉefdelegito de U. E. A.

Antaŭ ol diskuti la tagordon, la nova grupo de La Louvière estis oficiale akceptata kiel Liga grupo. La Prezidanto bonvenigis la delegiton. S-ron Tassin, kaj deziris al la nova grupo longan kaj prosperan vivon.

**1. Morala kaj financa situacio de la Ligo.** — La morala situacio estas tre bona. La rilatoj de la Ligestraro kun la grupoj kaj la membroj estas afablaj kaj neniu malkonsento ekzistas.

S-ro Jaumotte, kasisto, klarigis la financan staton, kiu bedaŭrinde, ne estas tiel kontentiga. La administra jaro finiĝos kun sufiĉe grava deficito. Novaj enspezoj estas necesaj.

**2. Belga Esperantisto.** — La regula eldono ĉiumonata de B. E. estas la ĉefa kaŭzo de la deficito. Por ke la gazeto povu daŭre aperi ĉiumonate novaj monrimedoj kaj ŝparoj estas necesaj. Post serioza ekzameno de la situacio kaj praktika propono de S-ro Poupeye, la Komitato decidis daŭre aperigi la jurnalon, ĉiumonate ĝis majo. Tiam oni ree ekzamenos la situacion. Intertempe la grupoj kaj ĉiuj membroj devos klopodi por havigi kelkajn anoncojn ; estas la plej bona rimedo por certigi la regulan aperon de la revuo. Ke ĉiu do helpu.

**3. Nia estonta agado.** — Je propaganda celo, estis proponata konigi en « Belga Esperantisto » la eksterlandajn sukcesojn de Esperanto en speciala rubriko : « Eksterlanda Kroniko » kaj ke oni ankaŭ donu informojn nacilingve.

Por kunigi tiujn du deziresprimojn, oni decidis, en proksimume unu paĝo, doni, en la du naciaj lingvoj, la informojn pri la eksterlandaj okazintaĵoj, tiel ke ambaŭ tekstoj estu la traduko unu de la alia.

Sekve de tio oni klopodos varbi por la Ligo la personojn, kiuj simpatias al Esperanto. Oni pagigu al ili malgrandan kotizon, kiel « Aprobanta Membro ».

Aliflanke, la « Gazetara Servo » estos reorganizata kaj funkcios regule sub la gvidado de S-ro Jaumotte.

Aliaj diversaj rimedoj estos alprenataj por kiel eble plej bone propagandi nian aferon.

**4. Nacia Kongreso 1936 en La Louvière.** — S-ro Tassin, la organizanto, konigis la provizoran programon, kiu estas tre alloga. Nenio estos preterlasata por agrabligi la restadon en La Louvière. Jam multaj gekongresanoj enskribiĝis sin. Kiu ne jam aliĝis, faru tuj por helpi la organizantojn !

**5. Reelekto de la Ligestraro.** — Ĉar neniu kandidato sin prezentis, la nunaj Ligestraranoj estis unanime reelektataj.

**6. Diversaj komunikajoj.** — La Prezidanto legis leteron de la Ĝenerala Direktoro de la Brusela Ekspozicio, S-ro Fonck, kiu dankas la Ligon pro ĝia propaganda kunhelpo. Kiel dankesprimo, li donacis belan memorigan medalon de la ekspozicio.

Ni memorigu, ke estas dank'al la klopodoj de S-ro Lavisse, el la Brusela Grupo, ke la ekspozicio uzis nian lingvon por sia eksterlanda propagando. Belga Ligo plej kore ree dankas lin !

La kunveno finiĝis je la 1 1/2a.

---

## XXVa Belga Kongreso de Esperanto

**La Louvière 30-31a Majo- 1a Junio 1936**

Sub la Honora Prezidanteco de S-ro VICTOR GHISLAIN, urbestro de la Louvière, kaj la Patroneco de la « Komerca kaj Industria Ĉambro de la Centra Regiono.

*6-a INFORMBULTENO.*

— Ni memorigas niajn geamikojn pri la reliefa glumarko de nia kongreso ; 100 ekzempleroj estos sendataj post ricevo de la sumo de 5 frankoj al la poŝtĉekkonto No 1119.10 de Belga Kongreso de Esperanto. — La Louvière.

— En nia proksima numero, ni povos paroli pri la ilustritaj poŝtkartoj kaj pri la faldfolioj, eldonotaj pri nia XXV-a.

— Kvina listo de aliĝintoj :

65. S-ino Algrain Coucke, Bruĝo.
66. F-ino Algrain Andrée, Bruĝo.
67. F-ino De Keersgieter Suzanne, Bruĝo.
68. F-ino Jennen M.-A., Bruselo.
69. F-ino Obozinsky Simonne, Bruselo.
70. F-ino Dorsinfang Louise, Namur.
71. F-ino Dorsinfang J., Namur.

---

**Memoru tion, kion vi legis ;**
**Pagu tuj vian kotizon !**

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

La 4-an de Januaro : Novjara vespero.

La 11-an : Literatura vespero.

La 18-an : Jarkunveno. — Honorigo de la novaj medalitoj (*medaloj*).

La 25-an, je la 19 1/2 horo precize : JARFESTENO, en la salono de la 10-a etaĝo de la « Torengebouw ». La prezo estas **Fr. 25.—**, trinkmono kaj taksoj enkalkulitaj. Belega cirkaŭaĵo kaj bonegaj manĝoj : (antaŭmanĝaĵoj, supo. fiŝo- kaj viandopladoj kaj deserto) estas antaŭvidataj. La membroj mem zorgu por le bona atmosfero. Tial ili multnombre aliĝu ! (*medaloj*):

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista. Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin ; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

La 7-an de Januaro en la Sidejo : Disdono de premioj al la lernintoj de la finiĝinta kurso. — Interkonatiĝo kun la malnovaj membroj. (Prez. F-ino Y. Thooris).

La 14-an (en la Sidejo) : a) Interparoladaj ekzercoj (Prez. S-ro Ch. Poupeye) ; b) Kantvespero, sub gvidado de F-ino A. Boereboom kaj de S-ino Ch. Poupeye.

la 21-an (en la Sidejo) ; a) Interparoladoj ekzercoj (Prez. S-ro Ch. Poupeye) ; b) Lastaj aranĝoj por la festo de la 26-a. (Prez. S-ro G. Groothaert).

La 26-an (dimanĉon - en la Sidejo) Intima festo honore de S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto. Teatraĵoj — Kantado — Dancado. — La festo komenciĝos je la 17-a precize.

La 28-an : (en la Kunvenejo) Ĝenerala Jarkunsido de la Grupo. Morala, agada kaj financa raportoj, elekto de la Komitato, Kritikoj kaj proponoj, k. t. p. (Prez. F-ino Y. Thooris).

N. B. La grupa BIBLIOTEKO estas malfermita ĉiumarde, de la 19, 30-a ĝis la 20-a, en la grupa sidejo. Bibliotekistoj : S-roj Ch. kaj J. Decoster. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, skribpapero, k. t. p.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo : «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova strato Sankta Petro N° 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

LA LOUVIÈRE. — **« Verda Stelo »**, Esperantista grupo de la Centra regione.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.**

CHÊNÉE : ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72, ĉiulunde je 19 h. perfektiga kunveno.

LIEĜO : en « Hôtel du Phare », place Maréchal Foch ; ĵaŭdon 9-an de Januaro :

je 19 h. 30 : ĝenerala jara kunveno de la grupo ;

je 20 h. 15 : perfektiga kunsido ;

SCLESSIN : en Kafejo L. Dechesne, rue Ernest Solvay, 1 : ĵaŭdon : 2-an de Januaro je 19 h. 30 : perfektiga kunsido ;

ĵaŭdon 16-an : je 19 h. 30 : ĝenerala jara kunveno de la grupo ; je 20 h. 15 : perfektiga kunsido.

La grupaj ĝeneralaj kunvenoj okazos kun jena tagordo : finjaraj raportoj, reelekto de komitatanoj kaj SLPE-delegitoj, diversaĵoj.

La ĝenerala kunveno de SLPE okazos iun dimanĉon matene en la dua duono de Januaro, laŭ aparte sendotaj kunvokiloj.

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 7-an de Decembro okazis la « Cocktail »-vespero, kiu plej bone sukcesis, dank'al grand'ega laboro, farita de kelkaj membroj. S-ino L. Faes kies skribistinan talenton oni jam konas, skribis specialan teatraĵeton « Duonhoro da Vero », por kiu S-ro Vermuyten, en plej bona poezio, ankaŭ kunmetis spritaĵn antaŭ- kaj postparoladojn kaj S-ro Faes grandegan bele pentritan antaŭtukon. S-ino Vander Veken-Van Bockel zorgis pri la tuta kunmeto de la programo kaj mem ludis rolon kun S-roj Faes kaj Ch. Van der Veken, S-ino Angèle Van Bockel-Van Walle kaj, ni ne forgesu lin, Leonon Schoofs, kiu ne plu estas la eta Leono, sed la granda Leono, kaj tre certe, ankoraŭ ofte. kunlaboros en la festetoj. La programo estis kompletigita per belaj kantoj en Esperanto de S-ro Ameryckx, kaj per antaŭparolado de S-ro Sielens kiu deklamadis memfaritan poezion, pri la « Semajno de l'Silento ». La prezidanto dankis ĉiujn kunlaborintojn kaj instigis ĉiujn ĉeestantojn regule veni tiel multnombre por ebligi pliajn tiajn vesperojn. S-ro Faes aplaŭdigis la nomon de S-ino Jaumotte, kiu post kelksemajna malsano revenis unuafoje.

La 14-an okazis la Zamenhof-festo. S-ro Boffejon, kiu akceptis fari paroladon pri nia Majstro estis, lastmomente, malhelpata kaj la Prezidanto, S-ro Jaumotte, anstataŭis lin kaj mallonge skizis tiun vivon, kiu estis tute en la signo de la sindonemeco, de la amikeco al aliaj, de vera homaranismo. Tiun signifon de la vivo de D-ro Zamenhof, la Esperantistoj neniam povas forgesi. Krom praktika, nia lingvo devas ankaŭ esti alceliga al plej alta idealo, devas nin helpi iĝi veraj civitanoj de la Mondo.

Programo disvolviĝis, poste al kies realigo helpis S-ino Faes-Janssens, ĉe la pianoforto, kaj S-ro Hector Vermuyten, kiel deklamisto. Tiu ĉi ne nur deklamis lerte verkitajn poeziojn en Esperanto sed ankaŭ belegajn flandrajn tradukojn de Esperanto-poezio !

S-ro Jaumotte kore dankis ambaŭ bonajn amikojn.

BRUĜO. — « **Bruĝa Grupo Esperantista** », **Reĝa Societo.**

La 26-an de Novembro S-ro P. De Vooght daŭrigis la instruadon de la baleto de la *Verdaj « Gilles »*.

La 2-an de Decembro, F-ino Corrie Leibbrand, profesorino pri naĝarto, parolis pri savado kaj montris praktikajn ekzercojn pri tiu temo, kun la bonvolema helpo de F-ino Juliette Boedt. La parolantino montris la diversajn manierojn por naĝi kun dronanto kaj kiel oni sin liberas de ties forta premo. F-ino M. J. Vanden Berghe, dejoranta kunvenprezidantino, en la nomo de la multnombraj ĉeestantoj gratulis kaj dankis la parolintinon.

La 10-an, okazis en la kunvenejo « Vlissinghe » tre agrabla komuna vespermanĝo je mituloj kaj fritaĵ terpomoj. La plej gaja humoro regis inter la partoprenantoj kaj pro la granda sukceso de tiu vespero, estis decidata organizi saman vespermanĝon, verŝajne la unuan mardon de Februaro.

Sabaton, 14-an, je la 21-a, okazis la dua propaganda balo en la Salonego Muntpaleis. Pli ol kvar cent personoj vizitis ĝin. La baleto de la *Verdaj « Gilles »*, elpensita kaj gvidata de S-ro P. De Vooght, kaj dancata de dekkvar samideaninoj, kun

la talenta helpo de la juna Fraŭlineto Monique De Vooght, ĝuis grandan sukceson. Pluraj kotiljonoj estigis plej entuziasman atmosferon kaj tombolo disdonigis kvindekon da premioj inter la ĝoja ĉeestantaro, kiu nur kontraŭvole disiĝis je la 3-a matene.

La kunveno de la 17-a. en kafejo « Vlissinghe », estis dediĉata al rememorigo de la naskiĝtago de Nia Kara Majstro, D-ro L. L. Zamenhof, Honora Prezidinto de la Bruĝa Grupo. Post kune kantita « Espero », aŭdiĝis trafa alparolado de la Prezidantino, F-ino Y. Thooris. Dankoj estis esprimataj al ĉiuj kunlaborintoj de la jus tiel bone sukcesinta balo kaj precipe al la kompetenta organizinto S-ro P. De Vooght. F-ino Boereboom kantis la belan Zamenhof'an poeziaĵon « La Vojo », laŭ muziko de la formortinta A.-J. Witteryck ; S-ro Jef Decoster, plemumanta antaŭan promeson, talente deklamis versaĵojn de la Majstro, nome : « La Vojo », « Ho mia Kor' » kaj « Preĝo sub la verda Standardo » kaj la vespero daŭriĝis plie en plej samideana atmosfero.

Aliparte okazis regule ĉiuvendrede la lecionoj por komencantoj sub gvidado de S-ro Ch. Poupeye, ĉiam fidele sekvataj de multaj gelernantoj.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — La ĝenerala sekretario de l'Franca Nord-Federacio, S-ro Centnerszwer, vizitis la Grupon, la 2-an de Decembro.

Lia parolado, pri la sukcesplena propagando en lia lando, tre interesis la ĉeestantojn. S-ro Centnerszwer faris elmontradon de sia propra rekta metodo.

S-ro Ornstein, hungara Cseh-profesoro, kiu gvidos kursojn en nia lando, vizitis Bruselan Grupon, la 23-an. D-ro Kempeneers deziris al S-ro Ornstein la plej grandan sukceson.

En la lernejo de la Place de Londres, F-ino Jennen faris tre lertan propagando-paroladon, temo : « Vojaĝo en Svedujo kaj Norvegujo ; Kongreso de Stockholm. »

La Grupo aliĝis al E. R. B. (Esperantista Reprezentantaro Brusela).

GENTO. — **« Genta Grupo Esperantista ».** — Nova kurso malfermiĝis por 12 gelernantoj. Ĉiuj aliĝis kiel membroj de la grupo kaj de « Belga Ligo ».

La kurso tre sukcese daŭras sub la lerta gvidado de S-ro Deman, la kasisto de la grupo.

Ĵaŭdon, la 12-an de Decembro, por memorigi la datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, S-ino Lacroix, malnova kaj sindonema samideanino, faris interesan paroladon pri la Majstro kaj lia verko.

S-ino Lacroix afable metis sian hejmon je la dispono de la grupo, okaze de tiu parolado, kiu havis grandan sukceson. La ĉeestantoj pasigis agrablan vesperon.

Dum la lastaj ĉiusemajnaj kunvenoj, krom la kutima lingva lernado, okazis spritaj ludoj kaj kantlecionoj sub la bonvola gvidado de S-ino Lacroix. Ĉar ili tre plaĉis al la ĉeestantaro ili daŭre okazos ĉiumerkrede.

Ĉar la fino de l'jaro alvenas, ni petas la membrojn de la grupo, ke ili bonvolu repagi senprokraste sian kotizon por la jaro 1936, ĉu la merkredon dum la kunveno, ĉu al la ĉekkonto nº 372.77 de la Sekretario, S-ro Henri Petiau.

### Familia Kroniko.

#### KONDOLENCOJ

— Al S-ro Arthur BRUSSELLE, membro de la Bruĝa Grupo pro la morto de lia filo, S-ro Arthur-Auguste Brusselle (29.10.35).

— Al G-roj René Dechesne-Maquet, pro la morto, en Sclessin, de ilia bopatrino kaj patrino, S-ino J. Maquet-Gaspard (17.12.35).

— Al S-ro Ed. Verbeke kaj familio, pro la morto, en Bruĝo, de ilia edzino kaj parencino, S-ino E.-M. Verbeke-Deman, la afabla estrino de la Hotelo « Cornet d'Or » (20.12.35).

## UEA unuafoje sendeficita !

La jarkalkulo 1935 fermiĝis sen deficito. Tiu ĝojiga rezulto, akirita, — por la unua fojo en la vivo de la asocio —, dank'al plej energia penado, masonis la firman bazon sur kiu la plua diskresko de UEA senmalhelpe povos okazi,

Refaskiĝo de ĉiuj fortoj devas nun nepre rekompenci la fidigan bilancon. Iamaj membroj realiĝos; jamaj membroj repagos senhezite kaj se eble transiros al supera klaso de membreco; ĝisnunaj eksteruloj montros sian konfidon aliĝante tuj.

La kotizoj por 1936 estas ekstreme favoraj por Belgujo. Ĉi malsupre, komparo kun la oficialaj internaciaj tarifoj transkalkulitaj al belga valuto.

| | Belga Favor-kotizo. | Oficiala Kotizo. |
|---|---|---|
| *MJ : Membro-Jarlibro ;* ricevas membro-karton kaj la jarlibron de UEA. | Fr. 22.— | (Fr. 50.—) |
| *MA : Membro-Abonanto ;* ricevas membro-karton, jarlibron de UEA, kaj la organon *Esperanto* dum unu jaro. | Fr. 50.— | (Fr. 125.—) |
| *MS : Membro-Subtenanto ;* ricevas membro-karton, jarlibron de UEA, la organon « Esperanto » dum unu jaro, kaj krom tio valoran libro-premion. | Fr. 175.— | (Fr. 250.—) |

Tiu favora tarifo kalkulita kun konsidero al la malalta belga valuto, ebligas ĉiun Esperantiston en nia lando, tuj aliĝi. La Esperantisteco ekster la tutmonda organizaĵo ne havas sencon, ĉar Esperanto estas tutmonda afero kaj postulas fortegan tutmonde organizitan asocion. Neniu el vi lernis Esperanton por paroli aŭ korespondi kun samlingvanoj. Apogu do la Asocion, kiu organizas la tutmondajn Esperanto-sukcesojn.

La anoj de Belga Ligo pagu ankoraŭ hodiaŭ, la kotizon de UEA, **kune kun tiu de Belga Ligo**, al sia grupo, aŭ rekte al Belga Ligo se ne ekzistas grupo en ilia loko. La izolitaj Esperantistoj, al kiuj tamen estu konsilata tie ĉi, plej rapide aliĝi al iu grupo, pagu al la Ĉefdelegito :

S-ro Morris DE KETELAERE, poŝtkonto 41.08.89.
25, Oostenstraat, Antverpeno.

FRU-PAGO ESTAS HONORDEVO.
LIBROPREMIO REKOMPENCOS
LA VARBINTON POR ĈIU NOVA MEMBRO.

**NOVJARO : KOTIZREPAGO.**

# Tra la Mondo.

**In de « Haagsche Post ».**

— Het gekende weekblad « Haagsche Post », dat een oplaag heeft van meer dan 100.000 nummers, kondigt een cursus van Esperanto af en bezit tevens een Esperanto-hoekje.

**In de Japansche universiteiten.**

— De studie van Esperanto werd verplichtend gemaakt voor de leerlingen van de 7e en 8e studiejaren van de hoogeschool van Cirju (Japan).

**Wereldcongres van Esperanto te Weenen.**

— De regeering van Oostenrijk heeft besloten het Wereldcongres van Esperanto van 1936 officieel te Weenen uit te noodigen. Staats- en stadsbesturen verleenen aanzienlijke toelagen aan de inrichters. Het vermaarde keizerlijk kasteel « Burg » werd door de regeering voor het houden der zittingen, aangeboden.

**In de Handelsbeurs van Parijs.**

— Het bestuur der Handelsbeurs van Parijs, die een Esperanto-afdeeling bezit, deelt mede, dat, dit jaar, Esperanto de loef afstak aan de Engelsche taal voor wat betreft, het aantal verhandelingen, die in deze taal werden afgesloten. Met niet minder dan 27 landen werden brieven in Esperanto gewisseld, en uit verschillende landen kwamen, voor één artikel, tot 50, 60 en zelfs 80 vragen toe, in Esperanto.

**Japansche rouwhulde aan België.**

— Een aantal Japansche meisjes, die, bij het overlijden van onze betreurde Koningin, hun sympathie aan de Belgische jeugd wilden uitdrukken, zonden hun briefjes van deelneming in Esperanto aan de leerlingen der school nr 2 van Sint-Gillis.

**Een tweetalig dichter.**

— In Estland geeft de nationale dichter Hendrik Adamson, sedert verschillende jaren, ook origineele werken uit, in de wereldtaal.

**Een rijwiel Esperanto.**

— De machienenfabriek « Bracia Drost » van Swietochlowide, in Polen, heeft een nieuw model van rijwiel op de markt gebracht, genaamd « Esperanto » en dat als kenteeken dezen naam met de vijfpuntige groene ster draagt.

**Een boekerij-afdeeling voor «Esperanto».**

— Het gemeentebestuur van Saint-Denis, nabij Parijs, gaf toelating om, naar het voorbeeld van hetgeen in vele steden, zooals Antwerpen, enz. gebeurt, in de gemeentelijke boekerij, een bijzondere Esperanto-afdeeling in te richten.

**Postkaarten met Esperanto-tekst.**

— Het bestuur van P. T. T, van Oostenrijk heeft de uitgave begonnen van een nieuwe reeks officieele postkaarten, met zichten van het land. De uitleg, die erbij past, wordt gedrukt in het Duitsch, Engelsch, Esperanto en Fransch.

**Voor de blinden.**

— De Nederlandsche maatschappij der Blinden heeft besloten, volgens het Braille-stelsel, een verzameling zangen in Esperanto uit te geven.

**Het Esperanto-onderwijs in Engeland.**

— In Engeland wordt Esperanto officieel aangeleerd in 27 scholen, waaronder 20 volksscholen en 7 licea of hoogere gestichten, tezamen aan meer dan duizend leerlingen.

**Dans la revue « Haagsche Post »**

L'hebdomadaire « Haagsche Post », édité à La Haye et ayant un tirage de plus de 100.000 exemplaires, publie un cours d'Esperanto et vient d'ouvrir une rubrique rédigée en cette langue.

**Dans les Universités japonaises**

L'étude de l'Esperanto a été rendue obligatoire pour les élèves des 7e et 8e années d'études de l'université de Cirju (Japon).

**Congrès Universel d'Esperanto à Vienne.**

Le gouvernement autrichien a décidé d'inviter officiellement à Vienne, en 1936, le Congrès Universel d'Esperanto. Les administrations gouvernementale et communale ont accordé d'importants subsides aux organisateurs. Le fameux château impérial « Burg » a été mis à la disposition du congrès.

**A la Foire Commerciale de Paris.**

La direction de la Foire Commerciale de Paris, qui possède une section d'Esperanto, communique, que, cette année, l'Esperanto a dépassé la langue anglaise, pour ce qui concerne le nombre des transactions faites en ces langues. De la correspondance en Esperanto fut échangée avec 27 pays et de plusieurs d'entre eux, parvinrent, pour un même article, 50, 60 et même 80 demandes en Esperanto.

**Condoléances japonaises à la Belgique.**

De petites japonaises, désireuses de témoigner leur sympathie à la jeunesse belge, à l'occasion, du décès de notre Reine regrettée, envoyèrent leurs lettres en Esperanto aux élèves de l'Ecole No 2 de Saint-Gilles.

**Un poète bilingue.**

En Esthonie, le poète national Hendrik Adamson publie depuis quelques années déjà des œuvres originales en Esperanto.

**Une bicyclette « Esperanto ».**

L'Usine de Machines « Bracia Drost » de Swietochlowide, en Pologne, a mis sur le marché un nouveau modèle de bicyclette, sous la dénomination de « Esperanto » et avec comme marque distinctive l'étoile verte à cinq pointes.

**Une section de bibliothèque pour l'Esperanto.**

L'administration communale de Saint-Denis près de Paris, a, suivant en cela l'exemple donné par d'autres villes, comme Anvers, autorisé l'organisation d'une section spéciale pour l'Esperanto, dans la bibliothèque communale.

**Des cartes postales avec texte en Esperanto.**

La direction des P. T. T. d'Autriche a commencé l'édition d'une nouvelle série de cartes postales officielles, avec des vues du pays. Le texte est rédigé en allemand, anglais, Esperanto et français.

**Pour les aveugles.**

La Société Néerlandaise pour les Aveugles a décidé d'éditer une collection de chants en Esperanto, suivant le système Braille.

**L'enseignement de l'Esperanto en Angleterre.**

En Angleterre, on instruit officiellement l'Esperanto dans 27 écoles, dont 20 écoles populaires et 7 lycées ou instituts supérieurs ; dans l'ensemble, à plus de mille élèves.

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

*Sekcio II.* — **Pri la Ministroj.**

Art. 86. — Neniu povas iĝi ministro, se li ne estas Belgo pro naskiĝo aŭ se li ne akiris la plenan ŝtataniĝon.

Art. 86. — Estas tri kategorioj de ministroj : ministroj, kiuj estras oficfakon ; ministroj sen atribuo, sed kiuj estas membroj de la registaro, kaj ŝtatministroj, kiuj konservas tiun titolon dum la tuta vivo, kaj kiujn la Reĝo pridemandas en gravaj momentoj, en periodo de registara krizo, k.c. Ministrecoj sen atribuo estas maloftaj en la historio de nia lando. En la registaro Jaspar, kiu en 1926 decidis pri la stabiligo de la franko, la kompetentulo Francqui estis ministro sen atribuo, membro de la registaro. Tio poste ankaŭ reokazis en la registaroj Theunis (1934) kaj Van Zeeland (1935).

Art. 87. — Neniu membro de la Reĝa Familio povas esti ministro.

Art. 88. — La ministroj havas nur voĉdonrajton en unu el la du Ĉambroj, se ili estas membroj de ĝi. Ili povas kunsidi en ambaŭ Ĉambroj, kaj ili havas la parolrajton, kiam ili ĝin demandas,

La Ĉambroj povas postuli la ĉeeston de la ministroj.

Art. 88. — Ministro ne devas nepre esti parlamentano. Komprenebla sekvo estas, ke li nur voĉdonas en Ĉambro, kies membro li estas, se ne la nacia volo povus esti forŝovita, ekzemple per la nomiĝo de registaro konsistante nur el ne-parlamentanoj, sed kiuj voĉdonante, povus alilokigi la plimulton. Ĉiuj facilaĵoj tamen estas garantiataj per tiu artikolo al la ministroj.

Art. 89. — En neniu okazo, nek parola, nek skriba ordono de la Reĝo kapablas senigi ministron de lia respondeco.

Art. 90. — La Deputitaro havas la rajton kulpigi la ministrojn kaj ilin venigi antaŭ la Kasacia Kortumo, kiu sola havas la rajton ilin juĝi, en unuigitaj ĉambroj. krom tio. kion fiksas la leĝo, rilate al la civila procesrajto de la domaĝigitaj personoj kaj al krimoj kaj punindaj agoj, kiujn la ministroj faris ekster la plenumo de siaj funkcioj.

Leĝo fiksos la okazojn de respondeco, la punojn altrudotajn al la ministroj kaj la maniero laŭ kiu okazas la proceso kontraŭ ili, same ĉe kulpigo de la Deputitaro, kiel ĉe la persekuto de la domaĝigitaj personoj.

Art. 90. — La Ĉambroj do ne estas kompetentaj por juĝi ministron. La Senato eĉ tute ne kapablas sin enmiksi. Efektive, nur la Deputitaro havas la rajton kulpigi ministron.

Art. 91. — La Reĝo povas pardoni al kondamnita ministro, nur post demando de unu el ambaŭ Ĉambroj.

ĈAPITRO III. — **Pri la juĝa povo.**

Art. 92. — La malkonsentoj pri civilaj rajtoj dependas nur de la kompetenteco de la Tribunaloj.

Art. 93. — La malkonsentoj pri politikaj rajtoj dependas de la kompetenteco de la tribunaloj, krom la esceptoj fiksataj per la leĝo.

Art. 94. — Neniu tribunalo, neniu juĝistaro povas esti starigata, krom per leĝo. Eksterordinaraj komisioj kaj tribunaloj ne povas esti kreataj, sub kiu ajn nomo.

Art, 94, — Per leĝo tamen povas esti starigataj specialaj tribunaloj, por ekzameni, ne specialajn kategoriojn de personoj, sed specialajn farojn. Ekz. profesiaj tribunaloj, por aranĝi la malkonsentojn inter estroj kaj laboristoj ; tribunalo por maristaj aferoj, por juĝi ŝipestrojn, ĉe mara akcidento, k.c.

Art 95. — En tuta Belgujo estas unu Kasacia Kortumo.

Tiu ĉi Kortumo ne juĝas pri la fundo de la aferoj, krom la juĝo pri ministroj.

Art. 95. — Krom por la krimoj kiuj estas juĝataj de la krima kortumo, kun popola juĝantaro, ĉiuj kondamnitoj povas apelacii kontraŭ juĝo. Kontraŭ la juĝo de la apelacia tribunalo ne plu estas helpo, krom la antaŭenpuŝo ĝis la kasacia kortumo. Tiu ĉi kortumo tamen ne plu povas juĝi pri la fundo de la afero, sed pro malbonformeco de la juĝo, aŭ pro malbonordo en la tribunala diskutado, ĝi rajtas nuligi la juĝon, sed tiam la afero reiras al alia ordinara tribunalo.

Art. 96. — La kunsidoj de la tribunaloj estas publikaj. se la publikeco ne iĝas danĝera por la ordo aŭ la moroj ; en tiu ĉi okazo, la tribunalo tion deklaras per juĝordono.

Kiam temas pri politikaj kaj presaj punindaĵoj, la malpublikeco nur unuanime povas esti decidata.

Art. 97. — Ĉiu ordono enhavas la kialojn de la juĝo. Ĝi estas elparolata en publika kunsido.

Art. 97. — Al la kialoj, la juĝo aldonas la diversajn artikolojn de la leĝaro, laŭ kiuj la kondamnito estas punata. Eĉ se la tuta afero estis pritraktita nepublike la legado de la juĝo devas okazi dum publika kunsido.

Art. 98. — La popola juĝantaro estas starigata por ĉiuj krimoj kaj por politikaj kaj presaj punindaĵoj.

Art. 98. — La kortumo en kiu kunsidas popola juĝantaro t.e. aro de ne-profesiaj juĝantoj, kiuj, per la sorto, estas indikataj sur listo de civitanoj, nomiĝas la Krima Kortumo. Ĉar oni konsideras, ke en tiu kortumo, oni estas kondamnita de siaj egaluloj kaj ke tiuj estas dekduopaj kaj, do riskas multe malpli erari ol unu juĝisto, ne ekzistas apelacirajto kontraŭ juĝo de tiu Kortumo. Se do la Kasacia Kortumo nuligas la juĝon pro malbonformo, la afero devas ree esti juĝata de alia Krima Kortumo, en alia provinco de la Lando.

Pri la juĝoj de la popola juĝantaro, ni ankoraŭ atentigu pri la fakto, ke plimulto de 7 kontraŭ 5 ne sufiĉas por kondamni personon, ĉar tiam la kondamno nur dependus de unu persono. En tiu okazo oni lasas al la juĝa konsilantaro, kiu estris la kunsidojn, la rajton eldiri sian samopinion kun la plimulto, aŭ ne samopinii, sed tiam la kondamno forfalas. Se la plimulto estas pli granda ol 7, la profesiaj juĝistoj ne devas sin miksi en la juĝo, krom en la aplikado de la puno.

Trad. kaj klarigis MAUR. JAUMOTTE.

(*Sekvo en proksima numero*).

# Esperanto facila

### LA ESPERANTIĜO

PROPAGANDISTO (*bonhumore*) Ha, Sro Stult ! Kiel vi fartas ?

STULT (*kun jurnalo*) Dankon, bone. Plibone ol la paco !

PROPAG. (*kapskue*) Ha la paco ! Neniam estos paco sen kristana interkomprenîĝo, sen Esperanto !...

STULT (*scivole*) Esperanto ? Mi vidis tiun vorton en la reklamrubriko de mia jurnalo. Ĉu ne estas artefarita butero ?

PROPAG. (*indignite*) Ho ne ! Artefarita lingvo facila kaj belsona ! Per ĝi oni povas interrilati kun alilanduloj kaj ilin kompreni.

STULT (*mire*) Facila... Kompreni...

PROPAG. (*fajre*) Ho, la benota tempo, kiam ĉiuj homoj estos ligitaj per unu lingvo, per unu frata amo.

STULT (*kun intereso*) Jes, frata amo... Oni povas interkompreniĝi, eble interŝanĝi?..

PROPAG. (*ekkapte*) Certe, multaj interŝanĝas poŝtmarkojn.

STULT (*hezite*) Ĉu oni instruas tiun lingvon ?

PROPAG. (*fervore*) Mi petas vin, venu nur proksiman merkredon en la mezlernejon, vi estos bonvena.

STULT (*decide*) Certe, certe, mi venos !

PROPAG. (*triumfe*) Ne forgesu ! Je la Oka ! Nur dek kvin lecionoj !

STULT (*enpense*) Interŝanĝi... Interŝanĝi...

TYN.

# La Gazetaro parolas...

### Redaktas : H. A. R. S.

— **Internacia Radio-Komisiono.** — En nia antaŭa numero, ni informis pri la ekŝiĝo de S-ro Jungfer, prezidinto de la Internacia Radio-Komisiono. Jam nun ni povas sciigi ke transprenis lian oficon, S-ro Henriksson (en Helsingborg), unanime elektita de la estraro de U. E. A.

— **Paŝo post paŝo.** — Dank'al la la klopodoj de S-ro Ray Dru, la 15-a Internacia Kongreso pri industria Kemio (Bruselo) sin deklaris favora al starigo de konstanta komisiono : « Komisiono de Helpa Internacia Normigita Lingvo » destinita por studadi :

1e etendigon al kemiaj sciencoj de la uzado de Esp-o, kiel fundamenton de normigita lingvo.

2e aplikadon de la helpa normigita lingvo al teknikaj celoj (fiziko kaj kemio), kaj ĝian praktikan aplikadon en ĉiuj fakoj de la dokumentado. (*Esperanto — U. E. A.*)

— **Esperanto Poŝtmarko.** — La brazila Departemento de Poŝto kaj Telegrafo, okaze de la 8-a Internacia Specimena Foiro en Rio de Janeiro, eldonis en Novembro 1935 specialan poŝtmarkon je 200 rejsoj, kun teksto en portugala lingvo kaj en Esperanto. (*Esperanto — U. E. A.*)

— **23a Japana Esperanto-Kongreso (Nagota).** — (Rezolucio pri Gramatiko, Stilistiko, Vortaro, Prezentita de S-ro Miĉio Tanimura kaj aliaj, Nagoja. Alprenita kun granda plimulto de la Laborkunsido, la 22-an de Septembro, 1935).

» La 23-a Japana Esperanto-Kongreso kunveninta en Nagoja esprimas la konvinkon, ke nia lingvo Esperanto estas komuna posedaĵo de la tuta homaro. Nia Esperanto-Movado estas esence lingva afero kaj orientanoj estas speciale interesataj en la tutmonda karaktero de nia lingvo. Estas do memkompreneble, ke ni, orientaj esperantistoj, faras la sekvajn proponojn :

1) Estas dezirinde aperigi provon de detala Esperanto-Gramatiko, kiu estu kvazaŭ moderna eldono de la Lingvaj Respondoj kaj sur kies bazo estos verkataj ĉiuj naciaj lernolibroj. Tutmonda helplingvo, kia estas nia Esperanto, devas posedi tian vastan bazon, sen kiu miskomprenoj estas timeblaj. Kompreneble la reguloj de tia Gramatiko ne devas esti absolute rigidaj, nek ili ĝuos la saman aŭtoritatecon kiel la Fundamento. Tia Gramatiko servu do kvazaŭ kompaso al dubantoj, tute same kiel detalaj gramatikoj de naciaj lingvoj por fremdaj studantoj.

2) Estas dezirinde aperigi Esperanto-Stilistikon kiu estu kvazaŭ moderna eldono de la Krestomatio. Internacia Lingvo devas havi internacian stilon. Kompreneble unuformeco de stilo ne estas dezirinda. Tamen, komencantoj bezonas ekzemplojn de bona stilo kaj konsilojn por la akiro de tia stilo. Ĝis nun Stilistiko estas kvazaŭ orfa infano en nia literaturo, eĉ la vorto mankas en la vortaroj — dume ekzistas « poetiko ». Tie ĉi apartenas kritiko pri mallogikaj esprimoj nekompreneblaj al orientanoj, kiujn okcidentaj samideanoj facilanime uzas. Ni gardu la purecon kaj la internaciecon de nia stilo.

3) Estas dezirinde aperigi Kompletan Vortaregon de Esperanto, kiu tamen ne estu oficiala sed nur provizora. Sur la bazo de tia aŭtoritata Vortarego devos esti ellaborataj la naciaj vortaroj en la estonto. Eldono de Oficiala Radikaro estas ankaŭ dezirinda.

Pri la aperigo de la supraj ne-oficialaj verkoj devas zorgi, laŭ la opinio de la Kongreso, niaj oficialaj institucioj (Akademio, Lingva Komitato, U. E. A.) kun la helpo de ĉiunaciaj fakuloj por ke la internacia karaktero de la entrepreno estu certigata. La Kongreso estas konvinkita, ke tia programo donos al nia Movado sanan direkton, kiu forturnigos la atenton de bagatelaj ludoj per neologismoj kaj alproksimigos nin al la venko, pri kiu neniu dubas.

(*La Revuo Orienta*).

— **Esperanto en radio Tallinn.** — Pro la 400-jara jubileo de la estona libro okazis belega dissendo kun tre alloga programo, la 15-an de decembro.

(*Svenska Esperanto-Tidningen*).

# Esperanto kaj Radio

En nia lasta numero ni informis pri la ĉesigo de la bonega laboro farita sur la radio-kampo, de Sro Jungfer. Ni esprimis nian certecon ke la

*ĈU VI ESTAS SENLABORULO ? Jes ? Skribu, se necese, al la Sekretario de Belga Ligo, por ke oni sendu al vi eventuale nian organon senpage !*

*ĈU VI HAVAS LABORON ? Jes ? Bonvolu tiam ekzameni, ĉu viaj rimedoj ne permesas al vi, iĝi BONFAREMA MEMBRO, t. e. pagi por la jaro 1936 la sumon de frankoj CENT, ĉu al via grupa kasisto, se vi estas membro de iu grupo, ĉu al la kasisto de Belga Ligo, se vi estas izola membro. La poŝtĉekkonto de la Ligo estas Ne 1337.67.*



# REĜA BELGA LIGO ESPERANTISTA

## « Allo ! » Tie-ĉi, La Louvière !

LA PAROLANTO : Karaj gesamideanoj, vi tuj aŭdos alvokon de la organizantoj de la XXV-a Belga Kongreso de Esperanto.

L.K.K-ano : Estas La Louvière, kiu invitas vin partopreni la laborojn de la 1936-jara Belga Kongreso de Esperanto ; kiu invitas vin partopreni la festojn kaj ekskursojn organizotajn dum la kongreso ; kiu tutkore invitas vin esti inter tiuj, kiuj ĉeestos la festojn de la venonta Pentekosto en la tiel simpatia atmosfero de niaj esperantistaj kunvenoj.

Estas la tiel laborplena kaj arda Centra Regiono, kiu invitas vin, viziti ĝiajn naturajn kaj industriajn vidindaĵojn.

Estas areto da sindonemaj amikoj, novvenintaj esperantistoj, kiuj fervore klopodas por la starigo de programo inda je la antaŭaj kongres-programoj, kaj urĝe vokas, por ke vi helpu ilin en la malfacila tasko, kiun ili akceptis, sciante ke ili tiamaniere alportas ŝtonon, eble nur malgrandan, al la konstruo de la institucio al kiu la malnovaj esperantistoj donis kaj donas la plej bonan de si mem.

1936-jara Pentekosto ! Estas la unua fojo, ke niaj industriaj regionoj akceptos la viziton de belgaj esperantistoj kaj iliaj alilandaj amikoj, kunvenantaj ĉe kongreso. Estas la unua fojo, ke la esperantistaj manifestacioj tute publike kaj duonoficiale okazos en niaj regionoj.

En la venonta numero de « Belga Esperantisto », ni publikigos la oficialan kongres-programon. En ĝi, vi vidos, ke ni faras ĉion, kio estas en nia povo por daŭrigi la belan serion da esperantistaj manifestacioj, okaze de niaj ĉiujaraj naciaj kunvenoj.

Ne estos nur la areto da sindonemaj propagandistoj el La Louvière, kiuj akceptos vin, sed ankaŭ, la Industria kaj Komerca ĉambro de la Centra Regiono, kiu bonvolis patroni nian XXVan. Turisma asocio ankaŭ promesis sian aktivan kunhelpon.

Jam sepdekkvin gesamideanoj aliĝis al la kongreso. Ni opinias ke multe da aliaj amikoj atendas ankoraŭ por sendi al ni sian aliĝon. Ili estas malpravaj. Estas necese ke, de nun, multaj aniĝu por, kiel eble plej multe helpi la organizantojn en la tasko, kiun ili entreprenis.

La belaj reliefaj glumarkoj eldonitaj okaze de nia XXVa havis sukceson kaj ni dankas ĉiujn, kiuj havigis ilin al si. Granda kvanto ankoraŭ restas, kaj nia L. K. K. plezuriĝos al si, sendante 100 ekzemplerojn post pago de Fr. 5,— al nia poŝtĉekkonto Nº 1119.10 — XXVa Belga Kongreso de Esperanto — La Louvière.

Kaj baldaŭ ankaŭ aperos ilustritaj poŝtkartoj, eldonitaj okaze de nia kongreso ; la ilustrita faldfolio, kiu enhavos la oficialan programon kaj ĉiujn dezirindajn informojn pri nia kongreso. Kaj poste, kio ankoraŭ....

Ĉu ni, hodiaŭ, parolos pri la bela arta verko, kiun preparas tiel afabla, kiel talenta, samideanino, kiu deziras lasi al la partoprenontoj de nia XXVa, memoraĵon de ilia vizito en niaj regionoj ? Ne, ni nenion plu diru...

La Louvière tutkore invitas vin.

Estu niaj dum la pentekostaj tagoj.

LA PAROLANTO : Kaj por ke vi ne forgesu, tuj pagu vian kotizon (dekkvin frankoj) al nia poŝtĉekkonto 1119.10 — XXVa Belga Kongreso de Eperanto — La Louvière.

Kun antaŭa danko.

André TASSIN.

### Sesa listo de aliĝintaj.

| | | |
|---|---|---|
| 72. | — S-ro Albert Duquesne | Mignault |
| 73. | — F-ino Louise Thies | La Louvière |
| 74. | — F-ino Simonne Bretelle | Jeumont (France) |
| 75. | — S-ro Jean-Marie Desonay | Spa |

## AL LA GRUPAJ KASISTOJ

Grupaj kasistoj demandis al la estraro de « Belga Ligo », kiom ili devas pagi al la Liga kasisto, por tiuj membroj, kiuj estas M. L., aŭ M. A. de U.E.A.; aliaj kasistoj, jam pagis kotizojn nesufiĉajn por la grupaj membroj, kiuj jam repagis sian kotizon.

Ni atentigas ĉiujn, pri la fakto, ke tiun ĉi jaron la kotizoj de U.E.A. estas plialtigataj laŭ la prezaro, kiu aperis en pasinta numero de *Belga Esperantisto*.

La Grupaj kasistoj devas do pagi al la Liga kasisto la kotizon de Belga-Ligano, t. e. : Fr. 15 por membro-abonanto kaj Fr. 5 por membro familia kaj, krome, la kotizon de Fr. 50 aŭ Fr. 22, laŭ la kvalito, kiun la membro havas en la internacia organizaĵo.

Belga Ligo faras jam gravan monoferon al la internacia centro, pagante, por ĉiu membro, altan kotizon; ĝi kompreneble ne povas porti plian monoferon per la transpago de ne-kompletaj kotizoj.

La Ligestraro eĉ ne povas promeni aŭ antaŭvidigi mildigon de tiuj en or-frankoj-kalkulitaj kotizoj, ĉar U.E.A. kompreneble apogas sian tutan laboron sur or-franka bazo ! *La Liga Kasisto.*

MAUR. JAUMOTTE.

# BELGA KRONIKO

## Grupa Kalendaro.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 21 h. : kunsido laŭ indikita programo.

La 1-an de Februaro okazos, en salono « Gruter », Meĥlena Ŝoseo, 123, dancfesto organizita de la « Frataro de la Infanoj de Militintoj ». Ĉar tiu ĉi societo organizis kurson de Esperanto, gviditan de profesoro, sendita de nia grupo kaj sur koncertan programon metis numerojn en Esperanto, la komitato instigas la membrojn de «Verda Stelo», ĉeesti tiun balon, kiel propagando. Oni iros are. La enirprezo estas Fr. 6.—.

La 8-an de Februaro, Diplomdisdono al la lernintoj de la kurso de S-ro Sielens. Koncerto. 2-a jarkunsido.

La 15-an: Parolado de S-ro Faes pri : « Malnovaj Muzikinstrumentoj. »

La 22-an : Karnaval-sabaton, ne okazos oficiala kunsido. La membroj interrilatos pri eventuala komuna pasigo de la vespero.

La 29-an : Kabaredvespero.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista. Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin ; KUNVENEJO : Kafejo « Vlissinghe » Bleekersstraat, 2, rue des Blanchisseurs.

La 4-an de Februaro : (en la Kunvenejo) : Mitula Vespermanĝo.

La 11-an : (en la Sidejo) : Kantvespero. (Gvidado: F-ino A. Boereboom ; Klarigado — Akompanado : Ges-roj Ch. Poupeye).

La 18-an : (en la Sidejo) : a) Perfektiga Kurso. Unua Leciono sub gvidado de F-ino Y. Thooris ; b) Priparolado de S-ro Leŭtenanto Marlé, pri « Renesanco ». (Prez. S-ro G. Groothaert.)

La 25-an, (en la Kunvenejo) : Karnavala Vespermanĝo.

BRUSELO. — **«Esperantista Brusela Grupo».** — Kunvenejo: «Brasserie du Sac», Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30-a h.

La 3-an de Februaro : Prelego de F-ino Jennen, pri la raporto de S-ro Dru en la Kongreso de Industria Ĥemio.

La 10-an : Parolado de S-ro Swinne : « Diversaj provoj de internacia lingvo. »

La 17-an : Parolado de F-ino Kestens : « Insuloj Hawai ».— Poste : ludoj kaj kantoj.

La 24-an : Prelego kun lumbildoj de D-ro Kempeneers : « Vojaĝmemoroj ».

Akurate je la 20-a, la kurso komenciĝos en la malgranda salono.

GENTO. — **Genta Grupo « Esperantista ».** — Kunvenejo en la lernejo Nova Strato Sankta Petro Nº 45 : ĉiumerkrede je la 7-a vespere.

LIEĜO. — **Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto.**

CHENÉE : ĉiulunde, je 19 h. 30, perfektiga kunveno, ĉe F-ino Baiwir, rue des Grands Prés, 72.

LIEĜO : jaŭdon, 13-an de Februaro, je 20-a horo, perfektiga kunveno en « Hôtel du Phare », place Maréchal Foch.

SCLESSIN : jaŭdojn 6-an kaj 20-an de Februaro, je 19 h. 30, perfektigaj kunvenoj en Kafejo Dechesne, rue Ernest Solvay, 1.

## Grupaj Raportoj :

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La 28-an de Decembro okazis plej agrabla Kristnaskfesto por la plenkreskuloj. S-ino J. Van der Veken kunmetis programon, kiu antaŭvidis la reprezentadon de teatraĵeto, kiun ŝi verkis : « Ho ! Ho ! Amelio ». Ni gratulu la geludantojn, G-rojn Van der Veken-Van Boekel kaj F-inon Juliette Van Eeckhoven, kiuj rikoltis varman aplaŭdon.

Post kiam S-ro Jaumotte estis dankinta ilin, oni forlotumis la belajn premiojn, kiujn la membroj kunportis... kaj ĉiu devis kanti aŭ deklami ion antaŭ ol li ricevis sian premion... Ke tio iĝis ĝojiga, ni ne nepre devas aldoni.

La postan tagon, Dimanĉon la 29-an, estis la vico de la infanoj. Pli ol dudek gefiloj de membroj ĉeestis kaj meritis la premion de la Kristnaskarbo, per malgranda deklamaĵo aŭ kantado. Estas inter ili jam belaj talentoj... kiuj, eĉ en Esperanto, kapablas plenumi tutan programon.

S-ro Herman De Schutter, kun infanoj de sia lernejo, prezentis tre belajn ombro-bildojn, laŭ originala maniero kunmetitaj kaj kiuj multe amuzis la grandajn kaj malgrandajn infanojn.

La 11-an de Januaro, F-ino Jacobs kaj S-ro H. Vermuyten organizis literaturan vesperon, kiu iĝis vera alrigardo al la internacia literaturo, el kiu ili prezentis la plej interesajn aŭtorojn. Varma aplaŭdo rekompensis ilin pro ilia laboro. S-ro Boffejon dankis ilin kore.

BRUĜO. — « **Bruĝa Grupo Esperantista** ». **Reĝa Societo.** — La 24-an de Decembro en kafejo « Vlissinghe » okazis kantvespero, sub la gvidado de F-ino A. Boereboom, kun akompanado de S-ino Ch. Poupeye. Precipe Kristnaskkantoj estis kantataj.

La 31-an, okazis en la sama kunvenejo gaja surpriza vespero, sub la gvidado de la simpatia sekretario S-ro G. Groothaert. Surprizaj donacetoj alportitaj de ĉiuj estis lotumataj. La surprizoj estis multnombraj kaj tre diversaj : de « bubeto » en brasiko ĝis... fantomo en kofro : Sekvis kant- aŭ deklamnumeroj nepre postulitaj de ĉiuj. Tre gaja humoro regis inter la ĉeestantoj, kiuj agrable daŭrigis la vesperon per dancado kaj je noktomezo varme interŝanĝis novjarbondezirojn.

La 7-an de Januaro en la Sidejo, okazis disdonado de premioj al la lernintoj de la finiĝinta kurso por komencantoj. Naŭ gelernantoj akiris pli ol la ok dekonojn de la poentoj, laŭorde : S-ro Deblaere, S-ino De Vooght, S-ro Langouche, S-ro Temperville, F-ino Boedt, S-ro Dumon, S-ro Drubbel, F-ino Verbeke kaj S-ro Van Renterghem. Pluraj aliaj ankaŭ finis kun tre bonaj rezultatoj. F-ino Juliette Boedt, en la nomo de ĉiuj, dankis la sindoneman profesoron S-ron Ch. Poupeye kaj F-ino Jeanne Verbeke donacis al li belan brakhorloĝon, kiel memoraĵo de liaj gelernantoj. S-ro Ch. Poupeye kore dankis ilin, instigante ilin al aktiva kunlaborado por la Esperanta idealo. La fino de tiu vespero estis dediĉata al dancinstruo, kiel ankaŭ grandparte, la kunveno de la 14-a. Dumtempe estas ankoraŭ aktive preparata la festo, kiu okazos la 26-an de Januaro, je la honoro de S-ro Sylvain Dervaux, Honora Prezidanto de la grupo.

GENTO. — « **Genta Grupo Esperantista** ». — La grupo kunvenis ĉiumerkrede kiel kutime.

Tiuj kunsidoj estas tre interesaj dank'al paroladetoj pri diversaj temoj, konkursoj pri vortformado kaj legado de spritaĵoj.

La 16-an de Januaro, Ĝenerala kunveno okazis ĉe S-ino Lacroix, kiu tre afable akceptis la gegrupanojn.

Dum tiu kunveno oni ekzamenis la plej bonajn rimedojn por allogi la publikon al la nova kurso, kiu komenciĝos la 5-an de Februaro sub la gvidado de S-ro Deman, kasisto de la grupo.

**BRUĜANINO EN ANTVERPENO.**

Kun plezuro, multaj membroj de la Antverpena Esperanto-Grupo «La Verda Stelo» vizitis, en sia urbo, ekspozicion de la «Okcident-flandria Artklubo», en kiu F-ino Suzanne Van den Berghe, Bruĝa samideanino, havas plej honorindan lokon.

Oni vidas ĉi flanke la pentristinon apud ŝiaj verkoj.



*Kliŝo « De Nieuwe Gazet »*

# VIVU LA KARNAVAL'!

— Estis dum la karnavalo;
« Li » kaj « ŝi » iris al balo:
Nur surstrate li ekvidis ŝin
Kaj tuj pensis: « mi ja ŝatas vin ».
— Estis ankoraŭ tre frue;
Ili iom promenis do, ĝue,
Kaj pasis preter butikoj,
Eĉ amindumis per mimikoj.
— Ĉe kino, viro kriis: « La spektaklo,
De unika spec', komenciĝos baldaŭ ».
Kaj kvazaŭ instigite de miraklo,
Ne nur por si mem, sed por ambaŭ
Kun serena mieno li pagis;
Neniam antaŭe tiel li agis.

—

Sed ĉe la komenco venis
De ĉi tiu stranga poemo:
« Estis dum la karnavalo ».
Poste do li preskaŭ svenis
Pro subita koropremo
Ĉar konsternite, en la halo,
Li konstatis de la kino
Ke « ŝi », estis « ulo », ne « ino »!

Henri RAYMOND.

## Bela okazo

**por Literatur-amantoj.**

Restas en nia stoko 6 jarkolektoj 1935 de la bela, arte ilustrita revuo « Literatura Mondo », kiujn ni lasos al la amatoroj je la escepta favorprezo de Belg. fr. 35.—

Tiu ĉi oferto validas nur por la ses unue alvenontaj mendoj. Kiu volas profiti de tiu okazo, mendu do urĝe: ĉe

BELGA ESPERANTO-INSTITUTO,
Willemsstrato, 21 Antverpeno.
Tel. 73299 P. ĉ. k. 168958.

## Literatura Mondo

La eldonejo de Literatura Mondo anoncas ke en 1936 tiu bela revuo aperos sur sama paĝonombro kaj en sama formato kiel ĝis nun, sed nur sesfoje dum la jaro.

Kvar numeroj ampleksos po 52 paĝoj, inkluzive « Lingvo-Libro » kaj la kovrilo, kaj du numeroj ampleksos po 36 paĝoj. Entute 280 paĝa revuo.

La abonprezo restas ankaŭ senŝanĝa, t. e. svis. fr. 9.— aŭ Belg. Fr. 90.—

**Belga Esperanto-Instituto tamen akceptas ĉiujn abonojn je la favorkotizo de Belg. Fr. 50.—**

Abonu tuj ĉe

BELGA ESPERANTO-INSTITUTO.
Willemsstrato, 21 Antverpeno.
Tel. 73299 P. ĉ. k. 168958

## Atentu

**Finance la Belga Ligo malbone fartas.**
**La internacia kotizo pezas akre sur ĝia budĝeto.**
**Esperanto tamen bezonas internacian organizajon.**
**Helpu Belgan Ligon per donacoj.**
**Iĝu subtenanta membro. Pagu kotizon de Fr. 100.**

# Tra la Mondo.

**Dejà 30.000 Esperantistes en Chine.**

Suivant les dernières statistiques du mouvement Esperantiste en Chine, 30.000 Chinois ont déjà suivi un cours de langue universelle. Il y a, dans ce pays, une cinquantaine de groupes et 5 journaux sont édités en cette langue.

**Chez les Végétariens.**

Pendant le 9e Congrès International des Végétariens, auquel participaient des membres venus de tous les pays du monde, on décida, qu'à partir de l'année 1938 les discours prononcés ne seraient plus traduits qu'en Esperanto. Le Congrès émit, en même temps, le vœu de voir ses membres apprendre entretemps l'Esperanto, de sorte que les discours puissent être prononcés directement en cette langue et que toute traduction devienne superflue.

**Chez les Bons Templiers.**

La section néerlandaise de l'Ordre International des Bons Templiers a organisé des cours d'Esperanto dans 42 de ses groupements, — et ces cours sont suivis par environ 250 personnes —, ce en vue des pourparlers internationaux, que cette organisation mondiale de tempérance mène régulièrement.

**La radio et l'Esperanto.**

Comme cela se fait déjà dans tant de postes radiophoniques, la direction du poste de Tallinn a décidé d'organiser, chaque 3e dimanche du mois, une émission d'une demi-heure en Esperanto, pour faire connaître à l'étranger le pays et le peuple esthoniens.

**Chez les hommes de métiers français.**

L'«Association française des Métiers» a admis un ordre du jour, par lequel l'enseignement de l'Esperanto dans tous les établissements d'instruction professionnelle est recommandé. Elle a décidé aussi d'éditer en Esperanto un rapport détaillé sur la situation des métiers français.

**Un livre en Esperanto traduit en 20 langues.**

Un livre technique, mais conçu de façon très simple, de E. Aisberg : « Fine mi komprenas Radion » (« Finalement je comprends la Radio ») a été, jusqu'ici, traduit en 20 langues.

**L'Esperanto dans les fabriques Philips.**

La direction des fabriques renommées « Philips », de Eindhoven (Pays-Bas) a organisé un cours d'Esperanto, pour le personnel de ses fabriques.

**« European Herold » emploie aussi l'Esperanto.**

Le journal « European Herald », rédigé en cinq langues et connu dans le monde entier, a ouvert, depuis quelque temps déjà, diverses rubriques en Esperanto.

**Esperanto au service du tourisme.**

A l'exemple de tant d'autres, la ville française de Mulhouse possède aussi une série de cartes-vues avec légendes en Esperanto.

En Belgique, de telles cartes existent au sujet d'Anvers, Bruges, Bruxelles, Courtrai et Gand.

**Les grands magasins et l'Esperanto.**

Les Grands Magasins d'Anvers « Grand Bazar du Bon Marché » emploient l'Esperanto pour leurs relations avec la clientèle, au même titre que les autres langues étrangères. La direction recommande à son personnel l'étude de l'Esperanto.

**Les cheminots et l'Esperanto.**

Dans la plupart des pays les cheminots furent parmi les premiers à comprendre l'utilité de l'Esperanto. Le grand organe syndical des employés des Chemins de Fer, Postes, Télégraphe et Téléphone de Jougoslavie, vient de rédiger une bonne partie de ses rubriques en Esperanto, langue, que comprennent presque tous les lecteurs de cet organe.

**Reeds 30.000 Esperantisten in China.**

Volgens de laatste gegevens omtrent de Esperanto-beweging in China, hebben aldaar reeds 30.000 Chineezen een leergang van de wereldtaal gevolgd. Er zijn in dit land zoowat 50 Esperanto-vereenigingen en 5 bladen worden er in Esperanto opgesteld.

**Bij de vegetariërs.**

Tijdens het 9e Internationaal Congres der Vegetariërs, waaraan leden uit schier alle landen der wereld deelnamen, werd besloten, dat, vanaf het jaar 1938, de uitgesproken redevoeringen nog enkel in Esperanto zullen worden vertaald. Het Congres deed tevens een oproep opdat alle deelnemers ondertusschen Esperanto zouden leeren, opdat de redevoeringen rechtstreeks in de wereldtaal zouden uitgesproken worden, zoodat vertaling overbodig zou blijken.

**Bij de Goede Tempeliers.**

De Nederlandsche afdeeling van de Internationale Orde der Goede Tempeliers heeft in niet minder dan 42 harer groepeeringen leergangen begonnen van Esperanto, die gevolgd worden door ongeveer 250 leden, zulks met het oog op de internationale besprekingen, die door deze wereld-organisatie van geheel-onthouders worden gevoerd.

**De radio en Esperanto.**

Zooals zoovele andere radio-zendposten reeds doen, heeft het bestuur van den post van Tallinn (Estland) besloten, elken 3en Zondag der maand, een uitzending van een half uur te doen gebeuren in Esperanto, om land en volk te doen kennen in den vreemde.

**Bij de Fransche stielmannen.**

De « Association française des Métiers » heeft een dagorde aangenomen, waarin de wensch wordt uitgedrukt, dat Esperanto in alle inrichtingen voor beroepsonderwijs zou aangeleerd worden. Zij heeft tevens besloten een uitgebreid verslag over den toestand der stielen in dit land, in de wereldtaal uit te geven.

**Een Esperanto-boek in 20 talen vertaald.**

Een zeer eenvoudig opgevat technisch werk van E. Aisberg, in Esperanto opgesteld : « Fine mi komprenas la radion » (Eindelijk begrijp ik wat radio is) werd tot hiertoe reeds in twintig talen vertaald.

**Esperanto in de Philips-fabrieken.**

Het bestuur der gekende Philips-fabrieken van Eindhoven (Nederland) heeft een leergang van Esperanto ingericht, ten gerieve van zijn personeel.

**« European Herald » ook in Esperanto.**

Het over de geheele wereld verspreide vijftalig blad « European Herald » bevat, sedert eenigen tijd, ook rubrieken in Esperanto.

**Esperanto in dienst van het toerisme.**

Na zoovele andere, bezit de Fransche Stad Mulhouse nu ook een reeks zichtkaarten, met Esperanto-teksten.

In België bestaan zulke kaarten reeds voor Antwerpen, Brugge, Brussel, Gent en Kortrijk.

**De groote magazijnen en Esperanto.**

De groote magazijnen « Grand Bazar du bon Marché » van Antwerpen gebruiken voor hun berichtgeving aan de bezoekers ook Esperanto, nevens de voornaamste vreemde talen. Het bestuur zet zijn personeel warm aan Esperanto te leeren.

**De bedienden der verkeersdiensten en Esperanto.**

In de meeste landen waren de bedienden van Spoorwegen, Posterijen, Telegraaf en Telefonen onder de eersten, om het nut van Esperanto te begrijpen. Het groot syndikaal orgaan dezer beambten in Joegoslavië heeft nu een belangrijk deel van zijn inhoud opgesteld in het Esperanto, dat toch door schier al de lezers wordt begrepen.

# LA BELGA KONSTITUCIA LEĜO

Art. 99. — La pacjuĝistoj kaj la juĝistoj de la tribunaloj estas rekte nomataj de la Reĝo.

La konsilantoj de la Apelaciaj Kortumoj kaj la Prezidantoj kaj vicprezidantoj de la tribunaloj de unua instanco en ilia distrikto estas nomataj de la Reĝo, laŭ du listoj kun po du kandidatoj, prezentitaj unu de tiuj kortumoj, la alia de la provincaj konsilantaroj.

La konsilantoj de la Kasacia Kortumo estas nomataj de la Reĝo, laŭ du listoj kun po du kandidatoj, prezentitaj unu de la Senato, la alia de la Kasacia Kortumo.

En ambaŭ okazoj, kandidatoj prezentitaj sur unu listo, povas ankaŭ esti prezentataj sur la alia listo.

La Kortumoj elektas siajn prezidantojn kaj vicprezidantojn inter siaj membroj.

Art. 99. — Je l'komenciĝo de sia kariero, juĝisto estas simple nomata de la Reĝo. Kiel evidentiĝos per la art. 100, li neniam devas timi ke nova reĝa ordono lin flanken metu, se li devus juĝi eĉ kontraŭ deziroj de altstarantaj personoj. Rilate la promocioj de la juĝistoj, ili ankaŭ estas farataj de la Reĝo, sed la nomiĝoj devas okazi inter maksimume kvar personoj por ĉiu disponebla seĝo. Efektive en ĉiu okazo, la tribunalo mem faras liston de du kandidatoj, kaj politika korporacio faras alian. Se ambaŭ konsentas ili rajtas proponi la saman liston al la reĝo, kaj ties elekto devas okazi inter du kandidatoj. Se juĝisto ne estas ŝatata de siaj kolegoj, li povas tamen esti prezentata de politika korporacio, provinca konsilantaro aŭ senato ; se li pro politikaj kialoj estus flankelasata de la politikistoj, liaj kolegoj tamen povas lin prezenti. Tiamaniere la sendependeco de la juĝisto estas kiom eble plej larĝe garantiata.

Art. 100. — La juĝistoj estas nomataj por la daŭro de sia vivo.

Neniu juĝisto povas esti senigata de sia funkcio, nek provizore eksigata, krom per juĝa ordono.

La delokigo de juĝisto nur povas okazi per nova nomiĝo, kaj kun lia konsento.

Art. 101. — La Reĝo nomas kaj eksigas la ŝtatajn persekutistojn ĉe la kortumoj kaj tribunaloj.

Art. 102. — La salajroj de la membroj de la juĝa povo estas fiksataj per la leĝo.

Art. 103. — Neniu juĝisto povas akcepti de la registaro funkciojn kun salajro, krom se li ilin plenumas senpage kaj krom la okazoj de neakordigebleco fiksitaj per la leĝo.

Art. 103. — Laŭ la leĝo juĝisto en neniu okazo, do ankaŭ ne, se li ne akceptus pagon, povas iĝi provincestro, provincestrarano, provinca registristo, distriktestro, urbestro, skabeno, komunuma sekretario, k.a.

Art. 104. — Estas en Belgujo tri apelaciaj kortumoj.

La leĝo fiksas iliajn distriktojn kaj la lokojn, kie ili estas starigataj.

Art. 104. — Per la Konstitucia Leĝo estas jam fiksita la nombro de la Kasacia Kortumo (unu), de la Apelaciaj Kortumoj (tri), nome : en Bruselo, por la provincoj Antverpeno, Brabanto kaj Hanagovio ; en Gento, por la Okcident- kaj Orient-Flandrioj, kaj en Lieĝo, por Lieĝo, Limburgo, Luksemburgo kaj Namuro. Krome ekzistas naŭ Krimaj Kortumoj, unu en ĉiu ĉefloko de provinco (krom en Limburgo, kie ĝi estas en Tongeren). Plie ekzistas pli malaltaj tribunaloj en pli granda nombro da lokoj.

Art. 105. — Specialaj leĝoj decidos pri la organizo de militistaj tribunaloj, ties kompetenteco, la rajtoj kaj devoj de la membroj de tiuj tribunaloj kaj la daŭro de ilia ofico.

Ekzistas komercaj tribunaloj en la lokoj fiksitaj per la leĝo. Tiu ĉi decidos pri ties organizo, kompetenteco, la maniero de nomiĝo de iliaj membroj kaj la daŭro de la funkcioj de tiuj ĉi lastaj.

Art. 106. — La Kasacia Kortumo decidas pri la konfliktoj pri kompetenteco, laŭ la maniero fiksita per la leĝo.

Art. 107. — La kortumoj kaj tribunaloj aplikas la ĝeneralajn provincajn kaj lokajn decidojn kaj ordonojn nur se ili estas konformaj al la leĝoj.

Art. 107. — La tribunaloj kaj kortumoj do povas rifuzi la aplikon de ordonoj, kiuj estas nekonformaj al la leĝo, kaj jam diversfoje okazis, ke juĝistoj rifuzis apliki, eĉ en plej alta instanco, tekston de leĝo, kiu estis nekonforma al la teksto aŭ al la spirito de la Konstitucia Leĝo.

## ĈAPITRO IV. — **Pri la institucioj provincaj aŭ komunumaj.**

Art. 108. — La provincaj kaj komunumaj institucioj estas fiksataj per la leĝoj.

Tiuj ĉi leĝoj konfirmas la aplikon de jenaj principoj :

1º La senpera elekto, krom la esceptoj, kiujn la leĝo povas starigi rilate al la estroj de la komunumaj administracioj kaj al la registaraj komisaroj apud la provincaj konsilantaroj.

2º La atribuo al la provincaj kaj komunumaj konsilantaroj de ĉio, kio havas provincan kaj komunuman intereson, sub rezervo de aprobo de iliaj agoj, en la okazoj kaj laŭ la maniero fiksata per la leĝo.

Diversaj provincoj kaj diversaj komunumoj povas interkonsenti kaj kuniĝi sub kondiĉoj kaj laŭ la maniero, fiksata per la leĝo, por aranĝi aferojn de komuna provinca aŭ komunuma intereso. Estas tamen malpermesata al diversaj provincaj aŭ komunumaj konsilantaroj, kunsidi kune ;

3º La publikeco de la kunsidoj de la provincaj kaj komunumaj konsilantaroj, en la limoj fiksataj de la leĝo ;

Trad. kaj klarigis MAUR. JAUMOTTE.

(*Fino en proksima numero*).

# Esperanto facila

## LA SIMPLECO DE ESPERANTO

INSTRUANTO (*grave*) Karaj gelernantoj, vi aŭdis do, ke la afiksoj **in-ge-et-eg** estas tre facile aplikeblaj. S-ro Stult, ĉu vi ankaŭ komprenis ?

STULT (*iom ofendite*) Ho, tutcerte !

INSTR. (*ĝentile*) Bonvolu vi mem klarigi la signifon de **in** kaj **ge**.

STULT (*kontente*) Kiam oni ekzemple prenas **viron** oni senpene faras el li **virinon** per **in**.

INSTR. (*amuzite*) Jes, estas pli simple ol la kreo de Eva! Estas do sufikso esprimanta ĉe la estuloj...

STULT (*interrompas*) Kaj kiam vi metas **ge** antaŭ **patro**, vi tuj havas **gepatrojn** sed vi aldonu **J** ĉar ili estas duope. Oni...

INSTR. (*interrompas*) Kaj oni havas **geedzojn**, oni forigu la **ge**(neralon) kaj restas la edzo sola. Sed uzu la sufikson **ge** en frazo.

STULT (*senpripense*) Mi aŭdis la **gevoĉojn** de edzo kaj edzino en la...

INSTR. (*interrompe*) Haltu S-ro Stult ! **Ge** montras la kunecon de ambaŭ **seksoj** sed **voĉo** ne...

STULT (*interrompe*) Senkulpigon, S-ro vi pravas. Mi neniam parolas, kiam mia edzino faras.

INSTR. (*ride*) S-ro Stult mi ne scias ĉu vi estos **diplomito**, sed **diplomato** vi certe estas! Sed restas la sufiksoj **et** kaj **eg**.

STULT (*memfide*) **Et** kaj **eg** estas parencoj de **ge**. Ekzemple **geedzoj** estas formitaj de **edzeto** kaj **edzinego** (*oni ridas*).

INSTR. (*tedite*) Sufiĉas por hodiaŭ. Ĉiuj kompletigu sian proverbaron : (*li diktas*) « Nenia peno, nek provo donos lakton de bovo. »

TYN.

# La Gazetaro parolas...

## Redaktas : H. A. R. S.

— **Ĉiam antaŭen.** — Antaŭ kelkaj monatoj ni povis gratuli la estraron de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando pro la fakto, ke la listo de membroj-abonantoj de « Laborista Esperanto » enhavis 4000 nomojn.

Ĝis la nuna momento, tiu nombro rapidege kreskis ĝis 5.700.

(*Laborista Esperantisto*).

— **Alia kresko de membronombro.** — La membronombro de la Sveda Laborista Esperanto-Asocio atingis en 1931 : 481 ; en 1932 : 817 ; en 1933 : 1525 ; kaj en 1934 : 1869.

Ĉu Esperanto vivas aŭ ne ?

— **Interesa kongreso.** — Laŭ « Laborista Esperantisto » devis okazi konferenco en Kobe (Japanujo) inter delegitoj de la japana kaj nederlandhindaj navigaciaj kompanioj.

La Japanoj volis uzi sian propran lingvon, la nederlandanoj la anglan. Ĉar ambaŭ persistis pri siaj postuloj, la konferenco ne povis okazi.

Kiom da kongresoj tamen okazas en tiaj cirkonstancoj kaj estas fuŝataj per la lingvaj malhelpajoj ?

— **Sporta vortaro.** — La germana Esperanto-Asocio intencas ellabori sportan vortareton, okaze de la Olimpiadoj en 1936. (*La Praktiko*).

— **Statistiko pri internacia kongreslingvo.** — Laŭ nova statistiko kiu aperis en la Columbia University Press, oni uzis en la diversaj internaciaj kongresoj kiuj okazis en la tempospaco 1923-1929, kiel oficialan lingvon : 238 foje la francan ; 186-foje la anglan ; 161-foje la germanan, 35-foje la italan.

Kie restas la asertoj de tiuj kiuj pretendas ke la angla lingvo jam delonge estas internacia lingvo ?

— **Jam 30.000 Esperantistoj en Ĥinujo.** — Laŭ la lastaj statistikoj de la Esperanto-movado en Ĥinujo, 30.000 Ĥinoj jam lernis la internacian lingvon. En tiu ĉi lando ekzistas kvindeko da grupoj kaj aperas 5 gazetoj en Esperanto.

— **Ĉe la vegetaranoj.** — Dum la 9-a Internacia Kongreso de Vegetaranoj, en kiu preskaŭ ĉiuj landoj estis reprezentataj, oni decidis, ke, de la jaro 1938, la paroladoj estos tradukataj ankoraŭ nur en Esperanto. La Kongreso plie rekomendis al ĉiuj partoprenintoj, ke, ĝis tiam, ili lernu Esperanton, tiel ke la paroladoj povu okazi en tiu ĉi lingvo rekte kaj ke kia ajn traduko estu superflua.

— **Ĉe la Bonaj Templanoj.** — La Nederlanda sekcio de la Internacia Ordeno de Bonaj Templanoj organizis kursojn de Esperanto en 42 sekcioj. Tiuj ĉi estis sekvataj de ĉirkaŭ 250 membroj. Tio okazis por plifaciligi la internaciajn rilatojn, kiujn regule havas tiu ĉi tutmonda organizaĵo de senalkoholuloj.

— **Radio kaj Esperanto.** — Kiel jam faris antaŭe tiom da aliaj radio-stacioj, la direkcio de la stacio de Tallinn decidis, de nun, okazigi, ĉiun 3-an dimanĉon de la monato, elsendon duonhoran en Esperanto, por konigi en la eksterlando la landon kaj popolon estonajn.

— **Ĉe la francaj metiistoj.** — La franca Asocio de Metiistoj akceptis tagordon, per kiu ĝi demandas la enkondukon de Esperanto en ĉiujn profesiajn lernejojn. Ĝi samtempe decidis aldoni detalan raporton en Esperanto pri la situacio de la metiistoj en Francujo.

— **Esperanto-libro tradukita en 20 lingvojn.** — La tiel simple klarigita teknika libro de E. Aisberg, eldonita en Esperanto : « Fine mi komprenas la radion » estis ĝis nun tradukita jam en dudek lingvojn.

— **Esperanto en la Philips-fabrikoj.** — La direkcio de la famaj Philips-fabrikoj de Eindhoven (Nederlando) organizis kurson de Esperanto por sia oficistaro kaj laboristaro.

— **« European Herald » uzas ankaŭ Esperanton.** — La tra la tuta mondo konata gazeto kvinlingva « European Herald », enhavas, jam de kelka tempo, diversajn rubrikojn en Esperanto.

— **Esperanto en la servo de la Turismo.** — Kiel jam multaj antaŭ ĝi, la urbo de Mulhouse (Francujo) posedas nun serion de ilustritaj poŝtkartoj, kun Esperanto-tekstoj.

Tiaj poŝtkart-serioj ekzistas en Belgujo, por Antverpeno, Bruselo, Bruĝo, Gento kaj Kortrijk.

— **La grandaj magazenoj kaj Esperanto.** — La grandaj

magazenoj « Grand Bazar du Bon Marché » de Antverpeno, uzas Esperanton por siaj sciigoj al la publiko, same kiel la aliajn fremdajn lingvojn. La direkcio incitis sian oficistaron lerni Esperanton.

— **La laboristaro de F. P. T. T. kaj Esperanto.** — En la plej multaj landoj, la oficisistaro kaj laboristaro de Fervojoj, Poŝtoj, Telegrafo kaj Telefono estis inter la unuaj, kiuj komprenis la utilecon de Esperanto. La granda sindikata organo de tiuj oficistoj en Jugoslavujo nun redaktis diversajn gravajn rubrikojn en Esperanto, lingvo, kiun tamen komprenas la plej granda parto de la legantaro.

## Bibliografio

— *LA HOMAJ RASOJ EN LA MONDO. — de Rolf Nordenstreng. Eld. : « Eldona Societo Esperanto » Stockholmo — Riĉe ilustrita — Luksa papero — 212 paĝoj — Prezo : sved. kr. 3,25 broŝ., 4,75 bind.*

Jen vera gajno por la scienca angulo de nia biblioteko!

La verkinto ĝisfunde studis la problemojn, kiujn li pritraktas, kaj sin apogas sur la lastaj rezultoj de la scienco tutmonda. Liaj vastaj konoj lingvaj multe helpas al li, precipe kiam li verkas en Esp-o pri temo tutnova en tiu ĉi lingvo.

La libro staras vere en la pensmaniero, en la signo de la Esperantistaro ; la Esperantistoj komprenehle interesiĝas pri fremdaj homoj, popoloj, rasoj. Sed kion ni scias pri la homaj rasoj? Certe ne multe! Ni erare, kredas, ke la loĝantaro de lando apartenas plene al nur unu raso, sed puraj popoloj ne ekzistas. Ankaŭ ne ekzistas, laŭ D-ro Nordenstreng, superaj kaj malsuperaj rasoj — la eksteraj karakteroj ne donas al iu aŭ iuj rasoj ian pli altan lokon. La aŭtoro pritraktas la rasan demandon juste, li ne konsideras la homajn rasojn laŭ la vidpunkto de blankulo, de Eŭropano, sed de tutmondulo. La superstiĉon tro oftan en rasaj problemoj li akre atakas, celante la purigon de la rasa scienco por el ĝi fari noblan helpilon por politiko tutmonda.

Kiel, ĉi supre, mi jam diris, la libro estas fakte eldonaĵo kiu kontribuos plue al la formado de vere « esperantismaj » esperantistoj, ĝi estas verko — belega originalaĵo! — kiun ni bezonas, kaj kiu povas esti parto — kun kelkaj aliaj libroj tiaj, pri la lingvoj, la religioj, la filozofioj de la diversaj popoloj — de t. n. « Libraro de ĉiu vera Esp—isto ».

Tion pri la enhavo, pri la esenco de la libro.

Pri teknikaj detaloj ni preskaŭ ne devas paroli, nek insisti, ni povas ripeti denove kion ni skribis je la apero de kiu ajn libro ĉe la Eld. Societo en Stockholmo : belega sukceso.



Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Willemsstrato, 21, ANTVERPENO.